XIIa jaro. No 178 (6) ⋆ Monata ⋆ 5 junio 1915

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

**JARA ABONO**

**Ordinara eldono** . . . . . . . . 5. — Frankoj (2. — Sm.)
**Luksa eldono** . . . . . . . . 6. 25 Frankoj (2. 50 Sm.)
*Svisa poŝtĉeka konto I. 824. — Oni akceptas nur tutjarajn abonojn.*
*La abonoj komenciĝas de la 1a de ĉiu monato*

**REKLAMO**

**Reklamo** (1 linio aŭ ĝia spaco) . . . . **0.50 Fr.** (0.20 Sm.)
**Anonceto** (1 linio: 10 vortoj) . . . . **0.40 Fr.** (0.16 Sm.)
**Korespondado** (1 enskribo) . . . . . **0.50 Fr.** (0 20 Sm.)
*Rabatoj: 4 enpresoj 10 %; 12 enpresoj 25 %; 24 enpresoj 50 %*

Direktoro: HECTOR HODLER — Redaktejo & Administrejo: 10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svisujo)

## TEKSTO



NUNTEMPAĴOJ

## MILITO KAJ HOMA ENERGIO

Kio karakterizas ĉiun militon estas la grandega elspezo de energio, kiun ĝi kaŭzas: mirinda streĉado de ĉiuj homaj fortoj direktitaj al unu celo, kunplektiĝo de ĉiuj individuaj deziroj celantaj al unu fino. Sendube, en normala tempo, la homaro elspezas grandegan kvanton de energio, sed ni ne konscias pri ĝi tiel klare, ĉar la celoj de la homa agado aperas ekstreme diversaj. Plie, pro la alkutimiĝo, homo ŝajne bezonas malpli da energio por plenumi sian ĉiutagan laboron, ol por elteni la eksterordinaran streĉadon, kiun alportas la milito. La ĉefgeneralo, kiu havas sub sia respondeco la kondukadon de la militoperacioj, la subuloj, kiuj respondas pri la efektivigo de tiuj operacioj, ĝis la simplaj soldatoj, kiuj tagojn kaj noktojn mizere staras en la tranŝeoj, estas submetataj je altgrada streĉado; la unuaj por kunteni ĉiujn fadenojn de la giganta maŝino kaj precize decidi je la taŭga momento, la lastaj por rezisti al la senkuraĝiĝo, superregi la timon kaj la abomenon, akcepti la malkomforton, kaj fariĝi malgrandega, pli ol humila, parteto de vastega organismo ilin ĉiujn enkorpiganta.

Sed ne sole ĉe la batalantoj mem aperas tiu nin miriganta energio. Por kontraŭbatali la premantan angoron, por reteni larmojn ĉe la foriro de la amato, por superi la ĉagrenon, kiam ilin trafas la malfeliĉo, la virinoj ankaŭ elmontras admirindan energion. Oni eble bezonas pli da vera animforto por senespere atendadi novaĵojn de la malaperinta amato kaj dume daŭrigi la ĉiutagan vivon, ol por stari meze de la bataldanĝeroj: la militisto staras sub la potenca influo de la medio, li jam enpense fordonis sian vivon al la sorto, kaj plie estas en tia medio, ke lia racio ne plu povas funkcii kiel antaŭe, sed la virino, senigata je la edzo aŭ je la filo, vivas ĉiam en tiu sama rondo, kiu vidis lin; en la soleco de la hejmo ŝia racio povas libere trapenetri kaj analizi la malfeliĉon. Tial, tre ĝuste militistoj ofte skribas al siaj amatoj por ilin instigi al trankvileco kaj pacienco, kaj, pro profundaj sentoj, ili priskribas sian situacion en pli brilaj koloroj ol ĝi reale estas.

Fine, la milito mem streĉas la energion de multaj homoj, kiuj, kvankam ili ne rekte partoprenas en la batalado, estas necesegaj al ĝia disvolvo: la teknikistoj, kiuj devas multege pliigi sian penadon, la kuracistoj kaj flegistoj, la viroj kaj virinoj okupataj en tiuj multnombraj helpentreprenoj, kiujn naskis la milito.

Ke tiu spektaklo prezentas en si mem ian belecon — kiel ĉia manifestiĝo de homa energio — neniu neas. Ĝi aperas tia, precipe kiam oni forigas la alian flankon de la medalo, t. e. la vizioj de buĉado, mortigo kaj rabadoj, kiuj estas la nepraj akompanantoj de ĉiu milito. Ĝuste tiun kunstreĉigon de energio tre admiras la militdefendantoj, kaj sur tio ili sin apogas por deklari, ke la milito estas nobla kaj utila. „La nobleco de la milito, skribas unu el la plej famaj el tiuj militdefendantoj, kuŝas en tiu fakto, ke la homo en sia malgrandeco tute malaperas antaŭ la granda ideo de l' Ŝtato . . .; la popoloj kaj la ŝtatoj ne povas plenumi ion pli grandan kaj pli superbelan ol meti ĉiujn siajn energiojn je la servo de la libereco, sendependeco kaj honoro. Nur tie, kie la milito estas ebla, la risortoj de la karaktero povas esti obstine streĉataj, necesa kondiĉo por realigi la plej noblajn taskojn de la civilizacio, en la plena disvolvo de la moralaj kaj intelektaj fakultoj.“ La aŭtoro de tiu penso, esprimita de multegaj aliaj, do opinias, ke sen la milito aŭ almenaŭ la militrisko malaperus la fortostreĉado, necesa faktoro de nia civilizacio.

Ni aldonas, ke eĉ multaj malamikoj de la milito ne povas sin deteni de admiro ĝuste pro la spektaklo de super-

energio, kiun prezentas la milito. Antaŭ kelka tempo, ano de unu el la militantaj landoj diris al mi: „Se vi vidus, kiel ĉio nun estas superbela en nia lando! Kia laborado, kia ordo, kia oferemo! Malgraŭ ke mi ne estas militdefendanto, mi ne povas min deteni de admiro." El tiu konstato mia alparolanto kompreneble konkludis, ke pro ĉiuj tiuj virtoj lia lando meritas la venkon. Nu, tute similajn rimarkojn mi kelkan tempon antaŭe aŭdis pri lando malamika al la unua. Ambaŭ alparolintoj estis pravaj, sed ambaŭ *ne volis* pensi, ke ĉe la malamiko regas la sama spirito, kaj kiam mi insistis pri tio, ili videble suferis. Ili tre admiris la efikojn de la militenergio, sed kredi, ke la sama kaŭzo povas en la najbara lando produkti la samajn efikojn, estis al ili netolerebIe.

Tian spiritstaton plej ofte kaŭzas manko de kritikemo kaj objektiveco. Certe la strečado de la energio estas io dezirinda kaj bonfara, necesega je la progreso de la civilizacio. Sed ne ĉia strečado estas utila al la homa socio. Necese estas vidi, al kio estas uzata la elspezata energio. Nu, ĉe la milito, la rekta rezultato de tiu strečado estas antaŭ ĉio la *detruado* de aliaj energioj.

Certe, la militidealistoj asertas, ke milito celas la defendon de supera idealo — kiun ili plej ofte tute ne difinas — kaj ke la detruado estas nur rimedo por atingi tiun celon. La energio estas elspezata por la defendo de ideoj (libereco, sendependeco, honoro, kulturo, vivrajto, ktp.). Niaj idealistoj forgesas nur unu punkton, nome, ke la malamiko ankaŭ *kredas* batali por samaj ideoj. Legante la skribaĵojn en la diversaj militantaj landoj, la observanto estas surprizata renkonti en ili la samajn idealceladojn kaj la samajn pravigajn esprimojn. Se oni flankelasas la frazeologion, per kiu la militemuloj penas kovri la militterurajojn, oni konstatas, ke la celo — aŭ, se oni preferas, la rezultato — de tiu grandioza manifestiĝo de energio estas la detruado. Kaj kion oni detruas? Homojn, kiuj elmontras saman energion kaj saman idealismon. Jen estas konstato sufiĉa por moderigi nian admiron, ĉar ni sentas, ke la rezultato de tiu energio estas absurda. Sed tiun senton pri la vaneco de la militagoj ankoraŭ kovras dikega tavolo de mistikaj konceptoj, fortaj antaŭjuĝoj kaj belsonaj frazoj mistere efikantaj je niaj animoj.

Elspezi energion ne ĉiam signifas progresi. Niaj prapatroj faris amason de militoj, kies kaŭzoj ŝajnas al ni ofte sensignifaj — same kiel aperos al niaj prafiloj la kaŭzoj de niaj nunaj militoj —; ili ankaŭ elspezis energion kaj strečis sian penadon. Ni nun scias, ke tiuj militoj tute ne progresigis la civilizacion. Se militoj havus tian efikon, plej altan civilizŝtupon havus la Mezepoko, kaj la sovaĝuloj, kiuj konstante militis, estus la plej noblaj reprezentantoj de la homa gento. Ni tamen scias, ke ĝuste la manko de sekureco, kiun kaŭzas la milito kaj la militdanĝero, neebligas la starigon de la civilizacio. Tiu ĉi disvolviĝis nur kiam la militoj fariĝis malpli oftaj kaj la ŝtatoj estis pli firme starigitaj, tiel ke ordo povu ekzisti.

Fakte, la militidealistoj plej fervoraj eĉ allasas, ke la paco estas la normala stato, sed ke de tempo al tempo militoj estas necesaj por eksciti la homan energion kaj malhelpi, ke nia civilizacio moliĝu.

Ĉu la faktoj konfirmas tiun pesimismon?

En la lasta tempo la militoj estis pli maloftaj; oni nun facile povas konkludi, ĉu malgraŭ tio la kuraĝo de la homoj moliĝis. Oni eble asertos, ke la deviga militservo kaj la risko de la milito sufiĉas por ke la militistaj ecoj konserviĝu. Sed kiel klarigi, ke saman kuraĝon montras laŭbezone viroj apartenantaj al landoj, kiuj ne havas la devigan militservon, aŭ kiuj de longe estis forgesintaj ĝiajn instruojn, kiam oni alvokis ilin? En la realeco, oni konfuzas du malsamajn vidpunktojn: la fizika kaj la morala.

La milito certe plifortikigas la homan korpon, sed ĝi ankaŭ povas tute ĝin detrui. La bonajn efikojn de la milito je la vidpunkto de la homa sano oni povas atingi en multe pli malkara maniero per racia eduko de la junularo kaj per modera praktikado de la sporto. Rilate al la morala vidpunkto (pacienco, rezistemo, sinoferemo), la milito *trudas* al la viro certajn virtojn, sed oni preskaŭ ĉiam forgesas, ke je la socia vidpunkto la rezultato estas malgranda: Tiuj moralaj ecoj montriĝas en tute speciala medio kaj en cirkonstancoj eksterordinare esceptaj; ili ne estas naturaj, sed artefaritaj. Tial, ili ne estas daŭraj. Reveninte al sia antaŭa medio kaj repreninte la ĉiutagan vivadon, eĉ la plej granda heroo daŭrigos vivi kiel antaŭe. Oni kun miro citas elegantulojn, kiuj dum la paco pasigis unu aŭ du horojn antaŭ la spegulo por sin zorgege vesti kaj admiri, kaj nuntempe vivas kontente en la malpuraĵoj de la tranĉeoj kaj tute forgesis sian luksemon. Tio pruvas, ke la homo facile adaptiĝas al la cirkonstancoj. Sed tre verŝajne okazos, ke post la milito, kiam li reiros en la civilizacian staton kaj vivos en la sama rondo kiel antaŭ la milito, la antaŭa heroo refariĝos elegantulo kaj daŭrigos dediĉi grandan parton de la tempo al la zorgoj pri sia okstera persono.

Por ke la milito ŝanĝu la ecojn de la homoj, estus necese, aŭ ke ĝi daŭru ĉiam (kion neniu proponas) aŭ ke ĝi egale influu al ĉiuj. Sed la maksimumo de la militistoj rilate al unu lando estas la dekono de la enloĝantaro. La restantaj naŭ dekonoj ne multe ŝanĝas sian vivadon (ĝuste pri tio fieriĝas la militantaj landoj). Kiam la restintoj el la foririnta dekono revenos, ne ili trudos al la ceteraj sian vivmanieron, sed ili alfariĝos al la vivmaniero de la ilin ĉirkaŭanta medio, eĉ kun granda plezuro. Regos do la samaj mankoj, pri kiuj ni antaŭe plendis, la samaj apetitoj kaj la samaj vivceladoj. Se oni tiam komparos la moralan staton de la militintaj landoj kun tiu de la nemilitintaj, oni verŝajne ne konstatos gravan diferencon rilate al la grado de energiemo kaj moraleco de iliaj enloĝantoj.

Cetere, la homoj, kiuj senĉese ĝemas pri la dekadenco de nia socio kaj la utileco konservi la militon kiel revirtigilon, estas aŭ nekuraceblaj pesimistoj aŭ personoj tre suprajaj. Ili juĝas landon aŭ socion laŭ kelkaj ekstremaĵoj kaj strangaĵoj, kiuj floras precipe en la urbegoj kaj ĉiam ekzistis, malgraŭ sennombraj militoj. Ili atentas nur tion kaj tute forgesas la grandegan plimulton de la homoj, kiuj multe penas laborgajni sian vivon, sane kaj honeste vivas. Eĉ pri ŝajnaj dekadenculoj oni povas erari. Unu el tiuj pesimistoj iam diris al mi rigardante junulon, kiu en „plezurloko" ŝajnis sin fordoni al la moleco. „Vidu tiun tipon de dekadenculo". Nu, tiu sama junulo estis tre kuraĝa aviadisto el la unua epoko, kiu riskis sian vivon tie, kie mia alparolanto certe ne riskus sian.

Kio moligas la homon kaj kondukas al dekadenco ne estas la paco, sed la *manko de idealo.* Por ke la homa energio, fundamenta elemento de kreado kaj progreso, ne malfortiĝu, necese estas, ke la homo havu ian idealon lin superantan, ke lia vivo aperu al li, ne kiel celo, sed kiel rimedo por atingi ian celon fiksitan de lia spirito. Tiu, kiu obstine celas al *io pli bona,* neniam estos dekadenculo, tute egale ĉu li estas klerulo aŭ simpla laboristo. Nur kiam la homaro ĉesos rigardi antaŭen, la profetoj de la pesimismo povos ektimi. Sed la milito ne plu povas esti la idealo de sana homaro. Eĉ la plej viglaj militdefendantoj allasas, ke la milito estas evitinda; ĝi do estas malbonaĵo.

Estas supozo sur nenio sin apoganta, ke paca stato malpliigus la homan strečadon. Kontraŭe, la homa laboremo, agemo kaj iniciatkapablo povas tiom pli libere ekzerciĝi kiom pli granda estas la sekureco. De kiam niaj ŝtatoj

fariĝis sufiĉe bone organizitaj por regigi ordon sur sia teritorio, ne sole la energio antaŭe dediĉita al reciproka ekstermado, ne estis neniigita, sed ĝi estis pliigita kaj almetita je civilizigaj entreprenoj havantaj pozitivan karakteron. Ameriko ne estus akirinta la gradon de civilizeco, kiun ĝi nun havas, se anstataŭ ol labori, ĝiaj loĝantoj estus pasigintaj unu aŭ du jarcentojn per senĉesaj internaj militoj. Neniu kuraĝus pretendi, ke en tiu lasta okazo la loĝantoj estus pli energiaj kaj pli moralaj ol nun kaj ke la homaro estus gajninta je tio.

Kiam inter la nunaj civilizitaj ŝtatoj estos kreita jura ligilo reprezentata per organizo kaj certiganta la pacon, la sekureco etendiĝos sur preskaŭ la tuta terglobo, kaj tiam la homa entreprenemo havos vastan kampon de agado. Jam en normala tempo, la homa energio disvolviĝas tute sen konscia rilato kun la „granda ideo de l' ŝtato". Miloj kaj miloj da homoj dediĉas sian energion, *ne* por pliigi la potencon de la ŝtato, pri kiu ili eĉ ne pensas, sed por agi konforme al certa idealo ellaborita aŭ alprenita de ilia spirito. La ŝtato estas *rimedo* por ebligi la homan kunlaboradon, certigante la sekurecon kaj la justecon. Konsideri ĝin kiel *celon* en si mem, malatentante la fakton, ke la mondo ne konsistas *nur* el unu ŝtato, nepre kondukas al la sistemo, kies fruktojn ni nun ĝuas. Ni ne sukcesas kompreni, kial okazus, ke la risortoj de la homa energio rompiĝus, se anstataŭ sin reciproke disŝiri, la ŝtatoj interkonsentus kaj ĉesus la internacia anarkio. La ordo ne detruas la streĉadon, sed ĝi donas al ĝi pli altajn celojn. La anarkio — ni vivas nun en interŝtata anarkio — streĉas la energiojn laŭ alta grado, sed por dissemi la detruon kaj la suferon.

Ekster la milito kaj ekster la mistika idealo de la grandeco de la ŝtato, ekzistas aliaj idealoj pli konformaj al la noblaj aspiroj de la homo. Disvastigi la civilizecon super la tuta terglobo, valorigi la grandegajn riĉaĵojn de nia planedo, kontraŭbatali la mizeron, ataki la krudajn naturfortojn kaj regi ilin, estas idealoj senteble pli altaj ol ekstermadi najbarojn pro kaŭzoj ofte tre malprecizaj aŭ pro malĝusta kompreno de la interesoj de l' ŝtato. Tiuj idealoj povas esti potencaj motoroj de agado kaj energio, se nur la publika opinio favoras ilin.

Vi admiras la militenergion? Jes, ni ankaŭ, sed nian admirsenton treege superas la vera sufero, kiu nin premas, kiam ni konstatas, ke tiaj trezoroj de energio estas malŝparegataj kontraŭ la interesoj de la homaro, kontraŭ la homo mem.

*H. Hodler.*

# Al niaj abonantoj

**Ĉis pliboniĝos la cirkonstancoj, nia gazeto regule aperos ĉiumonate.**

**La abonantoj, kiuj estos senpere informataj pri finiĝo de sia reabono, estas petataj kiel eble plej baldaŭ sendi al ni la sumon de 5 frankoj per poŝtmandato aŭ respondkuponoj.**

**Escepte, ni ankaŭ akceptos sesmonatajn abonojn po 2,50 frankoj.**

**La abonantoj loĝantaj en regionoj, kun kiuj la poŝtrilatoj nun estas interrompataj, ricevos la aperintajn numerojn tuj kiam estos eble.**

**La abonantoj, kiuj militservas aŭ estas militkaptitoj, kaj ne havus la eblon nun sendi sian reabonon, bonvolu nin informi.**



 SOCIA VIVO 

## La vojoj al daŭra paco

Ĉar la pli multaj gazetoj el la militantaj kaj eĉ el la neŭtralaj landoj silentis pri tio, ni opinias utile publikigi ĉi-sube la manifeston, kiun akceptis la Internacia Kunveno, kunvokita en Hago la 7 ĝis 10 aprilo de la Nederlanda Kontraŭmilita Unuiĝo (Nederlandsche Anti-Oorlog Raad), centra societo de la Nederlandaj pacifistoj, kalkulanta nun 14,000 membrojn kaj 700 diversajn aliĝintajn societojn. La internacian kunvenon ĉeestis personoj el dek diversaj landoj.

La tuta mondo deziras, ke la paco sekvonta ĉi tiun teruran militon, havu daŭran karakteron. Ĉi tion ne sole atendas la militantaj popoloj sed ankaŭ la neŭtralaj. Ili ĉiuj estas trafitaj de la milito, kiu liveras tiun tremigan pruvon de la solidareco de interesoj de la tuthoma raso.

Por ke la paco estu daŭra, estas necese, ke malaperu la kaŭzoj, kiuj kondukis al la milito.

Per kio ebliĝis ĉi tiu milito?

Diferenco de opinio povas ekzisti pri kelkaj el la pli profundaj kaŭzoj de militdanĝero, pri la parenceco inter milito kaj la konstruo de socio, pri la rolo de interrasa malamo, pri la direkta kaŭzo de la nuna milito, pri la respondeco de kelkaj personoj, politikistoj, ktp.; sed ekzistas kelkaj ĝeneralaj kaŭzoj, kiuj staras super ĉiuj duboj:

Manko de respekto al la libero kaj la egalaj rajtoj de la nacioj kaŭzis la ideon de interveno, se necese per forto, kaj incitis la naciajn malamojn.

Pro la senĉesa instigado de certa senkonscienca sensaciema gazetaro, facila ilo por la interesoj de la armilindustrio, la akordo inter la popoloj estis venenigita, spite la multnombraj pacigaj manifestacioj.

La ekspansia politiko, la samtempa imperialista celado, la avidaj klopodoj al propraj vendokampoj kaj kolonioj, barante ĉiujn alinaciajn interesojn, ĉio ĉi tio faciligis la danĝeran malamikecon.

La politika organizo de la mondo neniel plu respondas al la bezonoj de la kreskantaj intermiksitaj interesoj de la popoloj.

Malgraŭ ĉiuj progresoj de la popolrajto, ni daŭrigis vivi en komplete anarkia stato sur la internacia kampo. Respekto al la rajto ne estis ankoraŭ ĝenerala karakterizo.

La laboroj de la Packonferencoj restis nefinitaj.

Mankis taŭga institucio por forigi disputojn pri interesoj. La tezo de la ĉiam pligrandiĝanta armigado, kiu al ni certigus daŭran pacon, kontraŭe elvokis senton de malfido kaj malamo. Ĝi de si mem kondukis al la konkludo, uzi ĉi tiun armilaron por terenĵeti la kontraŭulon por detrui la prosperon de la konkuranto en komerco. La ideo enfiksiĝis, ke milito estas neevitebla, kaj per tio la rezisto kontraŭ la militemuloj estis rompita.

Ĉio ĉi tio devas finiĝi. Kiam konkludiĝos la paco prezentiĝos okazo, kiu eble neniam plu revenos. La certigo de daŭra paco kaj la fondo de novaj bazoj por la mondpolitikaj aranĝoj koncernas la tutan homaron. Tial, flanke de la pacnegocoj, kiuj pli speciale rilatas al la militantaj ŝtatoj, devas kunveni mondkongreso, *tria Haga Packonferenco.* Sed devas okazi io pli. Venis la tempo, ke ankaŭ la popoloj kunparolu. La eksterlanda politiko plu ne estu rezervita kampo de malgranda rondo de metiaj diplomatoj — aranĝo, kiu nun finiĝis en kompleta fiasko. Novaj vojoj devas esti malfermataj, la helpo de novaj fortoj devas esti alvokata.

*Ni alvokas ĉiujn, sen diferenco pri nacieco,* religio, partio aŭ socia pozicio, la politikajn aŭ spiritajn gvidantojn

de la popoloj, kiuj devas nin gardi kontraŭ nova atako al nia civilizacio, la homojn de pacemaj laboroj, *kaj la laborantojn en internaciaj organizoj*, kiuj vidas minacataj *la fruktojn de senlacaj siaj klopodoj* per sensenca detruo, la virinojn el kies kreskanta influo la espero al la paco povas ĉerpi novajn fortojn, la amasojn, kiuj ne volas denove esti kondukataj al morto en pogranda buĉado, — ĉiuj metu la manojn al la laboro, ĉar la interesoj de ĉiuj estas samaj.

Kiel bazo por komuna agado, prezentiĝas la sekvanta programo. Ĝi enhavas la minimumon, kiu povas esti atingata sen troaj postuloj. Ĝi devos esti realigata parte per internaciaj interkonsentoj, parte per leĝoj en ĉiuj landoj.

Se vere tagiĝos nova periodo post la malsukceso de la ĝisnuna politiko, tiam devas plie ekregi nova sento en la koroj; nur tiam viviĝos la nura litero de la programo. Ĉi tio estu la tasko, al kiu nun la tuta civilizita mondo estas alvokata.

*Minimuma Programo*

1ᵉ Neniu aneksado aŭ transdono de terspaco, kontraŭ la deziroj de la enloĝantoj, kies aprobo, kie eble per voĉdonado aŭ alimaniere, estu demandata. Egalrajtoj, religiaj kaj lingvaj, de ĉiuj regnoj garantiitaj al ĉiuj naciecoj interne de iliaj limoj.

2ᵉ En ĉiuj kolonioj, protektoratoj aŭ sferoj de influo, libera komerco, aŭ almenaŭ egala traktado de ĉiuj nacioj, laŭ internacia interkonsento.

3ᵉ Forta evoluo de la laboro de la Packonferencoj por organizi la pacan komunumon de la ŝtatoj. Ĝenerala deviga submetiĝo de ĉiuj internaciaj disputoj al pritraktado por paca solvo.

Tiucele estu kreata, flanke de la jam ekzistanta „Kortumo de Arbitracio" *a)* vere konstanta Juĝantaro Internacia, kaj *b)* ankaŭ konstanta Internacia Konsilantaro de Enketo kaj Perado. La ŝtatoj reciproke sin ligu, agi en komuna akordiĝo, ĉu diplomate, ekonomie aŭ milite — se eventuale ŝtato pretigus militajn aranĝojn, anstataŭ submeti sian disputon al juĝa decido; ĉiuokaze oni devigu al interveno de la Konsilantaro de Enketo kaj Perado.

4ᵉ Malpliigo de armado laŭ internacia interkonsento. Por akceligo de tiu celo ankaŭ forigo de surmara ŝtelakiro kaj certigo de libera maro.

5ᵉ Rajto de la popolreprezentantaro influigi la eksterlandajn ŝtataferojn. Nuleco de sekretaj traktatoj.

* * *

Personoj el diversaj naciecoj, tiel el militantaj kiel ankaŭ el neŭtralaj landoj, unuanime konsentis pri la supra manifesto kaj minimuma programo. Tiel evidentiĝas, kiel vivas en ĉiuj landoj, sama sopiro al daŭra paco, kaj ke de ĉiuj, samaj bazoj estis opiniataj kiel necesaj.

La Nederlanda Kontraŭmilita Unuiĝo, kies programo havas saman karakteron, povis atingi, ke ne sole tia internacia interkonsento estu akceptita, sed plie ebligis la formadon de internacia ligilo inter la klopodantoj por daŭra paco.

---

Pro manko de loko ni estas devigataj prokrasti ĝis la proksima N-ro la sekvon de la raporto pri la vizitoj de la Delegito de la Internacia Ruĝa Kruco al la germanaj kaptitejoj.

---

# Tutmonda Unuiĝo Virina

En nia lasta N-ro (paĝ. 55) ni anoncis la fondon de tia Unuiĝo. Oni nun petas nin publikigi la deklaron kaj alvokon de tiu organizaĵo kiujn bonvolis traduki S-ro de Saussure. Tion ni faras volonte, rememorigante, ke la redakcio de tiu gazeto, kvankam ĝi principe konsentas kun la celado de similaj organizaĵoj (tutmonda paco), *ne* esprimas per publikigo de tiaj artikoloj sian senrezervan aprobon pri la efiko de la rimedoj proponitaj por atingi tiun celadon.

La *Tutmonda Unuiĝo Virina* estas popola movado, celanta krei universalan kunfratiĝon de virinoj ĉiuaĝaj kaj ĉiulandaj, sen atento al diversaj religiaj, socialaj aŭ politikaj.

*Fundamentaj principoj*

Ili estas mallonge klarigitaj en la manifesto subskribita de la iniciatantinoj, kunvenintaj la 9 februaro 1915 en Ĝenevo.

„La bazo de nia Unuiĝo estas la sento de homa kompato, kiu animas ĉiun virinon indan je tiu nomo. Tiun kompaton ni provos esprimi per klaraj, ĝustaj pensoj kaj antaŭ ĉio per agoj.

Ni batalos per amo por definitiva paco.

Ni kunlaboros por reciproka eduko de la virinoj, kaj tiel ni kunhelpos al ĝenerala progreso de la homaro.

Konvinkitaj, ke la virinoj inklinas al amo, ne al malamo, ni ligas nin klopodi por pliigi la amon en la mondo kaj detrui la malbonon ŝuldatan al malamo. Ĉiujn niajn fratinojn ni amos, kiaj ajn estas la medio aŭ la lando, al kiu ili apartenas. Por forigi la barilojn, kiuj disigas la naciojn, ni provos starigi fratajn rilatojn inter ĉiuj virinoj en la tuta mondo."

La promeso de la membroj estas la sekvanta:

Mi, subskribinta, promesas labori per ĉiuj miaj fortoj por la starigo de daŭra paco, bazita sur justo, kaj por la progreso de unuanimeco en la mondo.

1. Penante konigi la faktojn, kiuj povas pliigi de homo al homo kaj de popolo al popolo la reciprokajn estimon kaj komprenon, kaj helpi tiel al kreo de potenca fluo de homa simpatio;

2. Kiel eble plej evitante diskonigi sennecese famojn, kiuj povas naski inter la homoj, kiel inter la popoloj, sentojn de akro, de malbonvolo aŭ de malamo;

3. Klopodante konigi ĉirkaŭ mi la celon, al kiu emas la Tutmonda Unuiĝo Virina, por akiri al ĝi amikojn kaj aniĝantinojn.

Tia Unuiĝo hodiaŭ estas praktike realigebla pro la mirinda prepara grupiglaboro efektivigita de la federacioj de societoj virinaj en la tuta mondo.

Tiuj naciaj kaj internaciaj konsilantinaroj ebligos al ni rapide atingi la milojn da virinoj jam organizitaj, kaj ili nature estos centroj de propagando. Sed, oni devas atingi la aliajn virinojn, la grandan amason de tiuj, kiuj estas ne ankoraŭ envicigitaj en asocioj, kaj ni kredas, ke la nuna momento estas plej oportuna. Neniam suferis la homaro, en sia tutaĵo, kiel ĝi hodiaŭ suferas, kaj eble neniam estis puŝita al tiel terura detruo la plejsupera verko de la virino — la filoj, kiujn ŝi naskis. La nuna horo kun siaj nedireblaj suferoj sendube estas por la virinoj escepta okazo krei inter si en la tuta mondo ligilon de amo kaj kompato. La virinoj estas la duono de l'homaro, kaj, mobilizitaj en la grandan armeon de la bono laŭ la spirito de la ĉi supra deklaro, ili posedos ne kontraŭstareblan forton; ili povas reformi la mondon, se ili volas.

La Unuiĝo estos morala apogo por siaj membrinoj, kiuj promesas labori individue kaj are per tutaj siaj fortoj por la realigo de la proponita idealo. Redoninte al ili kuraĝon

por vivi, ĝi kontraŭagos la malkuraĝigantajn influojn, kiuj regas nuntempe. Interalie ĝi donos al la virino, senpova kaj senĝojigita oferaĵo, okazon labori laŭ racia maniero por la Pacmovado.

*La unua tasko de la Tutmonda Unuiĝo* estas la preparo de komuna opinio celanta konstantan pacon, la laŭgrada malpliiĝo de ĉia akra sento inter la popoloj, kiuj vole-nevole daŭrigos vivi unu apud la alia kaj havi interrilatojn de reciproka sendependeco sur la limita loko de malnova Eŭropo.

*Ni tute ne intencas postuli tujan pacon je kia ajn kosto;* ni prefere volas prepari nin, por ke ni povu en la taŭga momento aŭdigi nian voĉon — la voĉon de la virino —, kiun oni devos aŭskulti pri temo, kiu tiel intime koncernas ŝin.

En tiu kampo pacprepara oni devus senprokraste entrepreni grandan laboron edukan. Oni devos peni tiucele, ke la profunda signifo de la vorto Paco fariĝu konsciaĵo por la koro kaj konscienco, tiamaniere, ke oni bone komprenu la elementojn necesajn por ĝin firmigi kaj plifortigi. Virinoj interalie devas fariĝi atentaj pri la urĝa kaj vivkondiĉa neceso reagi kontraŭ malamo. Ili do ĉiuokaze penos anstataŭigi la sencelajn diskutojn, kiuj naskas nur akron, per la rakonto de aŭtentikaj faktoj, kiuj povas instigi konfidon en la homa naturo, malgraŭ ĉio ankoraŭ kapabla je grandanimeco kaj memofero. Plie, konvenas peti, ke la virinoj interesiĝu pri la pacifista movado multe pli, ol ili faris ĝis nun, kaj ke ili kaptu la okazojn instrui sin pri la signifo kaj valoro de terminoj, kiaj la jenaj: arbitracio, internacia rajto, internaciaj akordoj, ktp.

*La direktado de la virina spirito al tiuj temoj estas nun plej grava* pro tio, ke la virinoj estas la edukantinoj de l' homaro. Ĝis nun ni naskis militantojn; de nun, ni devas formi homojn, kiuj estos garantiuloj de la paco, al kiu ni alsopiras. Se ni estus pli bone komprenintaj nian grandan taskon, se ni estus konsciintaj nian potencon, neniam estus elkatenigita tiu granda malfeliĉego; kaj kiu neos, ke la virinoj, tiom kiom la viroj, estas oferoj de la milito, kvankam alimaniere?

*Preskaŭ ĉie en la mondo kreiĝas aliaj movadoj similaj al la nia,* kaj ilia multeco mem estas la plej bona garantio de nia sukceso, la nerefutebla pruvo, ke la tempoj estas maturaj. La vekiĝo de la konscienco ne povas estis tro ĝenerala, kaj la Tutmonda Unuiĝo de la Virino helpos ĉiujn tiujn iniciatojn, alportante al ili propagandan kampon per la multeco de siaj membrinoj, ĉar la programo mem de la Tutmonda Unuiĝo estas reciproka eduko. Neniu grava disputo povas naskiĝi inter iniciatoj vere ne profitcelaj: ili kontraŭe donas unu al la alia reciprokan apogon.

N. B. La Centra Oficejo de la Tutmonda Unuiĝo Virina tre petas al siaj amikoj kaj membrinoj, ke ili interrilatigu ĝin kun ĉiuj movadoj similcelaj, por ke ĝi povu proponi al ili sian helpon.

### *Praktika Organizo*

Internacia Centra Oficejo kreiĝis en Ĝenevo (Svislando), 6, rue du Rhône. Tiu Oficejo alcentrigas ĉiujn varbojn, ĉiujn kotizaĵojn, ĉiujn elspezojn, kolektas la arĥivojn, la registrojn kaj kalkulojn. Ĝi dissendas alvokojn, propagandajn broŝurojn, varblistojn, membrinkartojn, insignon. Ĝi kolektos por celo de publikigo ĉion, kio povas helpi la movadon. Al ĝi la membrinoj de la Asocio sciigas la nomojn de personoj aŭ de societoj, kiujn ili deziras interesigi pri la afero, dum la Oficejo siaflanke interrilatigas la membrinojn, kiuj ĝis nun ne konis sin reciproke. Oni organizos laŭbezone en la diversaj landoj subajn Oficejojn por plifaciligi la laboron.

La elspezoj devige grandaj de la entrepreno estos pagataj per memvolaj kotizoj kaj per donacoj.

La kiomo de la kotizo estos fiksata de la membrinoj mem, por ke ĝi estu oferebla de ĉiuj virinoj.

Tiu aniĝpago, kia ajn malgranda, estas deviga, ĉar estas dezirinde, ke ĉiu el la membrinoj sentu, ke ŝi iom kunhelpis al la movado, sekve ke ĝi apartenas al ŝi, ke ŝi estas respondа pri ĝi.

La kotizo ne estas ĉiujara, ĉar en tia vastega Unuiĝo jara enpagigo estus preskaŭ neebla. Sed donacoj, grandaj aŭ malgrandaj, estos ĉiutempe akceptataj kun dankemo.

La entreprenon oni devige fondis sur financan bazon. Laŭ ĝia disvolviĝo la proporcio inter la en- kaj elspezoj modifiĝos pograde tiamaniere, ke iom post iom povos esti starigata rezervkapitalo, dediĉata al subteno de la Oficejo, por ke ĝi jam ne estu devigata postuli donacojn. Oni eĉ esperas, ke pli poste ĝi povos subteni aliajn entreprenojn.

La unuan garantikapitalon kreis la fondintinoj, konfidantaj en la estonta sukceso de la entrepreno.

Por fariĝi membrino de la Tutmonda Unuiĝo Virina skribu al la Centra Oficejo (6, rue du Rhône, Ĝenevo), kiu sendos tujan respondon.

Por fariĝi varbmembrino adresu la peton al la Centra Oficejo, aprobitan de alia membrino.

*La Tutmonda Unuiĝo Virina estos utila al siaj membrinoj por specialaj klopodoj,* ĉar, kiel membrinoj de sama organismo, ili povos interkonsenti kunlaboron por ia nova entrepreno, kondiĉe ke ĝi ne estos kontraŭa al la fundamentaj principoj de la Tutmonda Unuiĝo.

*La Tutmonda Unuiĝo daŭrigos ekzisti post konkludo de la paco,* ĉar oni devos klopodi por ĝin konservi. Tiam la Unuiĝo povos rigardi antaŭen kaj fari por la estonto planojn, kiuj kondukos al grandaj akiraĵoj por la virinoj de la tuta mondo.

Kiel insignon, la Tutmonda Unuiĝo Virina alprenis la statuon de la Venko Olimpia kun la devizo: *Nobis maxima Victoria* (Al ni la venkego).

Kvankam ĝi nenion volas *trudi* al siaj membrinoj, la Tutmonda Unuiĝo varme konsilas, ke ili surportu la insignon, konvinkita pri ties unuaranga gravo por la plenumota verko, kiel videbla signo de frateco inter ĉiuj virinoj kaj de egalo antaŭ la grava demando solvota. Ĝi estos granda helpo, instigante klarigojn, diskutojn kaj propagandon, kaj aliflanke ĝi estos rimedo plej taŭga por interrilatigi la membrinojn inter si kaj kun la Centra Oficejo. Ĝi aperos sur ĉiuj publikaĵoj de tiu ĉi kaj eĉ en la titolo de la artikoloj komunikotaj al la gazetaro.

La Nacia Asociaro de Svisaj Societoj Virinaj kunlaboras kun la Centra Internacia Oficejo, kiel unua grava kaj potenca samcelano.

Ĝi konigas la Tutmondan Unuiĝon al ĉiuj filiigitaj asocioj en Svislando kaj al la aliaj ĉefaj asocioj naciaj, kiuj ne dependas de ĝi, kaj ĝi petas ilin ĉiujn, ke ili bonvolu instigi siajn membrinojn enviciĝi en tiun grandan krucmilitiron.

La nomoj de la fondintinoj de la Tutmonda Unuiĝo ne estas publikigitaj, pro tio ke ĉiuj virinoj en ĝi devas esti sur bazo de egalo kaj senti sin egale necesaj al la entrepreno kaj egale respondaj pri ĝia sukceso. Tamen tiujn nomojn la Centra Oficejo volonte konigos al la personoj, kiuj ilin petos. Ĝi publikigos periode financajn raportojn kaj kronikojn.

Trad.: *R. de Saussure.*

---

## La Internacia Informejo pri militkaptitoj

II

*Movado de la ekspedajoj*

La antaŭa artikolo ekzamenis la ĝeneralan administradon de la Ĝeneva Informejo pri militkaptitoj kaj ĉion, kio rilatas al la dispartigo kaj prizorgo de la alvenantaj korespondaĵoj. En oktobro kaj novembro oni kalkulis preskaŭ trioble pli da francaj leteroj ol da germanaj; de tiam la neegaleco ĉesis. En decembro la nombroj estis proksimume egalaj; poste, la germanaj informpetoj fariĝas la pli multaj kaj atingas nun la duoblon de la francaj.

La sendataj leteroj (iom pli multaj ol la alvenantaj) devas esti zorge kontrolataj. La leteroj por la militistaj aŭtoritatoj de la okupitaj regionoj estas kune transsendataj al la Ruĝa Kruco en Berlino; same pri la leteroj al militistoj flegataj en tiuj regionoj.

La nombro de la resendataj leteroj atingas 100 ĝis 400 tage. Ofte longa kaj malfacila estas ilia kontrolado. La leteroj surhavantaj la mencion „mortinto" aŭ „nekonata" estas poste kunsendataj ĉu al la franca militministerio, ĉu al la Berlina Poŝto.

La nombro de la leteroj transsendotaj al la kaptitoj komence atingis 4—5000 tage; nun estas nur 1000—1500 tage, de kiam estas allasata la senpera korespondado inter la familioj kaj la kaptitoj.

La forsendon de la pakaĵoj komence prizorgis Ĝeneva ekspedfirmo. Pro la kreskanta graveco de tiu servo oni devis starigi duan ekspedservon ĉe la stacidoma poŝto (Genève-Cornavin). La laboro estis tiel grandega, ke la svisa poŝto estis devigita forigi ĉiujn administrajn formalaĵojn pri registrado kaj kontrolo. Estis dungitaj 14 oficistoj, kiuj kun helpo de bonvoluloj, maksimume 76, plenumis la laboron. Ĝis la 15 aprilo estis ekspeditaj 1,049,000 pakaĵoj. Sekve de specialaj klopodoj ĉe la doganadministracioj, la pakaĵoj estas sendogane allasataj. Krom tiuj servoj, kontentige funkciantaj, oni starigis alian fakon por la transporto de kolektivaj donacoj por kompletaj vagonoj. Pluraj vagonoj de Francujo kaj de Germanujo jam pasis tra Ĝenevo.

*Slipfarado*

*Maŝinskribado.* — Tiu fako estas kvazaŭ ponto inter la du grandaj fluoj: informpetoj kaj respondoj. Ĝi prizorgas la faradon de demandslipoj kaj la kopiadon de la kaptitlistoj alvenantaj de Francujo aŭ de Germanujo. Oni ĉiutage faras 3000 demandslipojn kaj kopias 200 ĝis 350 kaptitlistojn. Tiujn listojn kunmetas grupo de 12 personoj, kiuj ankaŭ manskribas slipojn. La laboro estas tre malfacila kaj longa, pro la ofte malbona skribado de la dokumentoj. Por tiuj diversaj laboroj, estas uzataj 64 skribmaŝinoj, luataj je tre favoraj kondiĉoj.

*Ĝenerala kolektado de la slipoj.* — Ĉiuj informpetoj estas transskribataj sur blankajn slipojn. La fako, kiu ilin kolektas, ricevas ĉiutage 3000—5000. La „respondslipoj" estas farataj laŭ la kaptitlistoj sendataj de la militistaj aŭtoritatoj, Ruĝ-Krucaj societoj, hospitaloj, privatuloj. Krom tio, alvenas multaj informoj sendataj de la familioj; ili devas ankaŭ esti slipnotataj. Ĉiu kaptitnomo estas do skribata sur slipo kun necesaj informoj pri identeco. Ĉiu slipo havas numeron, kiu respondas al la registropaĝo, kie estas la nomo. La slipoj estas diferencigataj per koloro laŭ la kategorio (germanoj, francoj, civiluloj, sanitaristoj).

La demand- aŭ respondslipoj (ĉ. 10,000) estas klasigataj laŭ la unua litero kaj deponitaj en sia respektiva skatolo. Poste oni klasigas laŭ la dua litero, laŭ la tria, ktp. ĝis la definitiva klasigo, kiu priatentas eĉ la antaŭnomojn (estas centoj kun nomo Martin, Durand, Müller aŭ Schmidt). Ĉiu klasigita pakaĵo estas denove ekzamenata de kontrolisto, kiu ĝin sendas al la definitiva slipkestaro. Je la „kolektada" fako laboras 30—35 personoj — oficistoj kaj memvoluloj.

*Respondoj*

Ni nun ekzamenu la laboron necesan por transsendi al la familioj informojn pri la sorto de la malaperintoj. La sistemo bazas sur la divido inter la franca (kun la belga kaj brita) servo kaj la germana servo. Ambaŭ sekcioj laboras paralele laŭ similaj metodoj. La slipkestaro franca do alcentrigas la demand- kaj respondslipojn pri belgaj, britaj kaj francaj kaptitoj. La franca slipkestaro enhavas ĉ. 800 kestojn, po 1000—1200 slipoj. Ilin prizorgas 60—80 personoj. La germana slipkestaro enhavas 180 kestojn kun 180,000 slipoj (ciferoj je fino de januaro); laboras 30—40 personoj. Ĉiu persono laboras je difinita parto de la alfabeto: ekzemple, la litero P estas dividata inter 4 aŭ 5 personoj; unuj prizorgas la nomojn komencantajn per Pa, aliaj la nomojn kun Pe, ktp. Ĉiu, laborante ĉiam kun la samaj nomoj, konatiĝas kun ili kaj akiras specialan kompetentecon. Oni pensu pri la malfacilaĵoj, kiujn prezentas la tri kestoj dediĉataj al la franca nomo Martin; same pri Durand, Moreau, Lefèvre, Lefebvre, Lefèbre, Gautier, Gauthier. Tiuj nomoj postulas apartan atenton; oni devas fari helpslipojn kun la antaŭnomoj.

La demand- kaj respondslipoj estas miksataj en sola alfabeta serio. Sekvas, ke kvazaŭ automate la demandslipo (blanka) estas flanke de la respondslipo (verda). Kiam du slipoj ekzakte koincidas, oni notas sur la demandslipo la necesajn informojn liveritajn de la respondslipo, kaj transdonas ĝin al la fako de la respondoj.

Ofte demandslipoj alvenas en du aŭ tri ekzempleroj, ĉu ĉar pluraj personoj demandas pri sama malaperinto, ĉu ĉar la sama persono renovigas sian demandon. Oni do devas kompari tiujn slipojn kaj detrui la duoblaĵojn; 15 personoj okupiĝas je tiu detalega laboro. La familioj trudas al la Informejo multe da laboro, skribante aŭ skribigante plurfoje pri sama persono.

Okazas, ke familioj, jam demandintaj, denove skribas por komuniki ian forgesitan detalon. Ofte ili sciigas, ke ili ricevis informon, kiun ili opinias utila. Oni do devas noti tion sur la primitiva slipo. El tio sekvas nova fako (helpaj informoj), kiu krom tio prizorgas la kontroladon de la dubaj kazoj, eraroj, ktp.

Oni sendube imagas, ke kiam respondo al informpeto estas trovita, sufiĉas informi la familion, al kiu oni povas skribi: „La serĉata militisto estas en tia kaptitejo aŭ lazareto". Ofte, tio estas ebla, sed iafoje la afero ne estas tiel simpla. La simileco de nomoj, la nekompletaj informoj de la listoj, estas fontoj de eraroj. Kelkafoje ĉio koincidas, krom ia ortografia detalo, eble eraro de kopiisto. Tiuj informoj estas tamen transdonataj, sed kun rezervo; restas al la familio la tasko per korespondado informiĝi, ĉu la trovito estas la serĉata persono.

Okazas ankaŭ, ke familioj sendas apartajn demandojn ekster la jam fiksitaj kategorioj. Ekzemple, kiel korespondi kun tia aŭ alia kaptitejo? Kie estas la kaptitoj de difinita regimento? Ĉu informo donita de privata agentejo aŭ Ruĝ-Kruca societo estas ĝusta? Por tio ekzistas la esplorfako, kiu plej ofte senpere respondas, ĉu post ekzameno de la slipkestaro, ĉu post rilatiĝo kun la koncerna militista aŭtoritato. Tiu fako laborigas meznombre 26 personojn kaj forsendas 300 ĝis 400 leteroj tage.

La respondoj pri restloko de la kaptitoj estas komunikataj al la familio per specialaj presaĵoj, malsamaj laŭ tio, ĉu la donita informo estas certa aŭ proksimuma; 35 personoj ĉiutage laboras pri tio. La komunikaĵoj pri mortoj estas maŝinskribataj kaj sendataj sub koverto, kun esprimo de simpatio kaj kondolenco. La nombro de la respondoj al la familioj atingas 800 tage en la lastaj monatoj; iafoje ĝi estis 1200.

*Statistiko*

La statistika fako naskiĝis en oktobro. Ĝi precipe celis kuraĝigi la kunlaborantojn, afiŝigante la rezultatojn de iliaj laboroj, t. e. la informoj ĉiutage komunikataj al la familioj. Tiu servo pligrandiĝis. Ŝajnis interese noti la produktokvanton de ĉiu fako; ĉiusemajne oni faras kaj afiŝas statistiktabelojn. Tiamaniere ĉiu fakestro povas klare scii pri la laboro de sia grupo kaj el la ciferoj eltiri interesajn konkludojn.

Pri la agado de la Informejo jen kelkaj esprimplenaj ciferoj nur ĝis fino de januaro:

Akceptitaj personoj: 26,473. — Telegramoj: 17,000. — Ricevitaj korespondaĵoj: 900,000. — Senditaj korespondaĵoj: 760,000. — Senditaj presitaj formuloj: 1,554,000. — Pakaĵoj: 780,000. — Slipoj: 980,000. — Sumoj transsenditaj: 400,000 fr. — Korespondaĵoj ricevitaj de la civila kaj sanitara fako: 90,000. — Slipoj de la sama fako: 60,000. — Informoj al la familioj: 104,498.

*Kaso*

Nuntempe laboras je tiu fako 32 personoj, plejparte memvolaj. La granda amplekso de tiu servo devigis la alprenon de slipsistemo, kiu donis bonegan rezultaton. Pri ĉiu ricevita sumo aŭ primona letero oni starigas slipon; tiuj slipoj (25,000) estas klasigataj laŭ la nomo de la sendintoj. Ĉiuj esploroj estas tre faciligitaj.

Ĉiutage tiu fako ricevas ĉ. 200 valorleterojn kaj 300 mandatojn plejparte por transsendo al la kaptitoj. Tia servo memkompreneble postulas zorgon kaj regulecon. Ĉiun mandaton oni kvitancas kaj avizas la familiojn pri ĉiu ekspedo. La mandatkuponoj devas esti zorge klasigataj por ke okaze de plendo esploroj estu eblaj.

Multaj personoj sendis ĉekojn, biletojn, ktp., kiujn oni devas ŝanĝi je la taga kurzo, kaj sendi mandate aŭ valorletere.

La Informejo ricevis, el diversaj donacoj, sumon de 125,000 frankoj (kun donaco de 80,000 fr. farita de Argentina Respubliko). La elspezoj atingas ĝis nun 100,000 fr.; tiun sumon kovras malavaraj donacantoj, inter kiuj la Centraj Komitatoj de la Ruĝa Kruco.

*(Daŭrigota.)* Prilaboris *H. H.*

# ✿ NOTOJ ✿

∴ **Ligo por la defendo de la homaro kaj la organizo de la progreso.** — Pro la milito, tiu Ligo translokigis sian sidejon de Paris al *Lausanne* (60, avenue de Rumine). Ĝi starigis svisan agadkomitaton. La dummilita tasko de la Ligo estas:

1e Meze de ĉiuj militaj kaj naciaj pasioj defendi siajn principojn starigitajn per trankvila kaj senpartia kunlaborado de ĉiulandaj sociologoj, kaj ilin apliki je la solvo de la gravaj problemoj starigitaj de la milito.

2e Kontraŭstarigi la superajn interesojn de la suferanta homaro, nun malhelpata en ĝia socia progreso al la ambicioj de nacioj celantaj nur sian profiton senatente je la profito de la aliaj.

La ĉefa nuna devo estas anstataŭigi la internacian anarkion per reĝimo ebliganta daŭran pacon. Por ke tiu daŭra paco, dezirata de ĉiuj militantaj regnoj, estu ebla, necese estus, ke:

1e Tiu milito estu sekvata de nenia aneksado de iu ajn provinco kontraŭ la volo de la enloĝantoj; ĉar tiaj aneksoj, cetere kontraŭaj al la demokrata spirito kaj al la rajto de la popoloj pri memregado, alkondukus novajn militojn de revenĝo kaj liberigo.

2e Oni ne nasku, per disvastigo de skribaĵoj pri la malbonagoj de la malamiko, kiel ajn terure veraj ili eĉ estus, reciprokan malamon, kiu postvivus la nunan militon kaj neebligus ĉian reakordiĝon.

3e Oni enmetu en la pactraktaton klaŭzon pri deviga arbitracio, rilate al ĉiuj eventualaj konfliktoj pri la interpretado de tiu kaj ĉiu alia traktado.

4e Oni samtempe starigu superan Konsilantaron de la Homaro, kiu ekzamenos ĉiujn naskiĝantajn konflikteblecojn — nejuĝeblajn laŭ juraj proceduj — kaj penos ilin solvi konforme je la principoj de natura justeco kaj je la interesoj de la homaro.

La Ligo eldonas ĉiusemajnan bultenon en du eldonoj: franca kaj germana (*„La Voix de l'Humanité"*, *„Die Menschheit"*), kaj trimonatan revuon en tri eldonoj: angla, franca kaj germana. (*„Progress"*, *„Les Documents du Progrès"*, *„Die Dokumente des Fortschritts"*). Plie ĝi aranĝos en Bern la 27—30 majo internacian konferencon el delegitoj de diverslandaj kulturasocioj. La demandoj pritraktotaj estas la jenaj:

Diskutado pri la atencoj, kiujn la nuna krizo faris kontraŭ la kolektivaj interesoj de la homaro.

Danĝeroj, kiuj naskite el la nuna krizo minacas nin je estontaj militoj, pro: *a)* la aneksoj kontraŭ la volo de la interesataj loĝantaroj, *b)* la incitado de daŭra malamo inter la popoloj.

Ĉu oni povas anstataŭi la internacian anarkion per stato de internacia juro?

Metoda organizo de la rezisto kontraŭ la atencoj je la progreso de la homaro.

Starigo de konstanta komisiono por la defendo de la interesoj de l'homaro.

En proksima N-ro ni konigos la rezultatojn de tiu konferenco.

∴ **Informejo por militkaptitoj en Kopenhago.** — La dana Ruĝa Kruco starigis en Kopenhago specialan informejon por militkaptitoj de la orienta militkampo (Germanujo-Rusujo). Ĝi estas organizita laŭ la modelo de la Ĝeneva Informejo, kiu rilatas speciale al la okcidenta militkampo. La laboro de tiu Informejo estis ankaŭ tre granda. Tuj je sia fondiĝo ĝi ricevis amason de korespondaĵoj, kiuj trudis tiom pli da malfacilaĵoj, ke tre multaj el ili estis redaktitaj en la plej diversaj slavaj lingvoj. La oficejo ricevis 50,000 informojn el Germanujo kaj 8000 el Rusujo. Bedaŭrinde, en la komenco la informoj pri kaptitoj en Rusujo alvenis en malgranda nombro pro la vasteco de la lando, sed kun la tempo la situacio rilate al tio iom pliboniĝis. Tiu Informejo ankaŭ transsendas leterojn al kaptitoj (200—500 tage) kaj ankaŭ pakaĵojn kaj monon. Ĝi starigis fakon por civilkaptitoj. Ĝia laboro estas faciligata per la kunlaborado de multaj memvolaj helpantoj el Kopenhago.

∴ **Helpoficejo por militkaptitoj.** — Tiu oficejo, kies fondon ni anoncis en nia N-ro 174 (paĝ. 17), celas helpi al malriĉaj militkaptitoj. La franca-belga sekcio jam plenumis gravan laboron. Uzante neŭtralajn delegitojn loĝantajn en Germanujo, ĝi ricevis la permeson viziti per ili kelkajn kaptitejojn kaj disdonigi la sendaĵojn de la Oficejo. De la 1 januaro ĝis la 31 marto, la sekcio sendis pli ol 20,000 kilogramojn de pakaĵoj; ĝi donace ricevis 15,000 frankojn, el kiuj du trionoj estis uzitaj por aĉetoj kaj unu triono por monhelpoj al malriĉaj kaptitoj.



# Bileto de blankbarbulo

## *Libereco*

*La vera, la sola fundamento de l' libereco — kondiĉo de vivo — estas la respekto por la rajtoj de la aliaj: unuflanka libereco ne plu estas libereco.*

*Socio, kie ne ĉiu havas la povon esprimi malkaŝe sian opinion, ne estas vere libera; sed la reciproko estas, ke ĉiu, esprimante sian opinion, tion faru en la plena respekto por la mala ankaŭ libera opinio.*

*Aliparte, tamen, se en ia socio neniu opinio estas severe komuna, se pri ĉiu ajn oni rajtas diskuti, neniu ordo — alia kondiĉo de vivo — estas ebla, kaj rapide la socio disfalas, pereas pro anarĥio.*

*Sekve en ĉiu vivkapabla socio aŭ societo ekzistas unu aŭ kelkaj punktoj, kiuj estas la pravigo mem kaj la sola pravigo de la asocio, pri kiuj ĉiuj anoj plene akordiĝas, dank' al kies plena akcepto flanke de ĉiuj anoj, vera komuneco kaj firma ordo estas eblaj. — Ekster tiuj ĉi necesaj principoj regas libereco por ĉia opinio.*

*La komuna punkto inter ĉiuj Kristanoj estas — kia ajn ilia patrujo, lingvo, politika emo — la kredo al la savo per Kristo.*

*La komuna punkto inter ĉiuj anoj de nacio estas — kia ajn ilia religio, lingvo, politika emo — la sinoferema amo al la patrujo.*

*La komuna punkto inter ni Esperantistoj estas — kia ajn nia religio, patrujo, politika emo — la fideleco al la lingvo al ni donita de D-ro Zamenhof, en lia Fundamento.*

*Ŝajnas do evidente, ke ĉiu privata Esperantisto rajtas defendi tute malkaŝe, eĉ energie, per Esperanto sian religian, porpatrujan, politikan vidpunkton, kun tiu sola rezervo, ke tion li faru en la plena respekto por malaj opinioj.*

*Saman rajton havas nedube niaj naciaj — ne internaciaj — societoj, se ne (pro iliaj statutoj) en religiaj aŭ politikaj internaj demandoj, almenaŭ en naciaj porpatrujaj, tial ke, laŭ sia titolo mem, „naciaj" ili estas kaj sendependaj.*

*Se tion ili — kiel ni individue — faras taktplene, kun la supre dirita rezervo, kiu rajtus al ili riproĉi klaran publikan sintenadon, kiu povus malfaciligi postajn interrilatojn nur inter tiuj, kiuj ne komprenis kaj ne komprenas la plenan valoron de l' vorto libereco?*

Th. Cart.

---

# DEK-UNUA KONGRESO DE ESPERANTO

**San Francisco, 22—29 aŭgusto 1915**

Kiel ni jam anoncis, la dek-unua Kongreso de Esperanto okazos en San Francisko la 22—29 aŭgusto 1915, dum la granda Panama-Pacifika Internacia Ekspozicio. La Loka Komitato, kies prezidanto estas S-ro D-ro Yemans (eks-vicprezidanto de la Sesa) kaj sekretario S-ro D. E. Parrish, bonkonata de la Eŭropaj samideanoj, komencis siajn laborojn.

Je la nuna dato, la Ekspozicio estas jam en vigla funkciado. Floroj kaj plantoj el la plej diversaj regionoj de la mondo beligas la artiste dismetitajn ĝardenojn de la Ekspoziciejo. Je la unua tago de la Ekspozicio, 247,000 personoj vizitis la mirindan palacaron de la „ekspozicia urbo", kiu enhavas konstruaĵojn de 37 usonaj ŝtatoj kaj de 19 fremdaj landoj, kaj jam estas rekonate, ke tiu estas la plej grandioza el ĉiuj ekspozicioj.

La planoj por la Kongreso rapide progresas kaj estas evidente, ke niaj samideanoj preparas feston, kiu restos longe en la memoro de la partoprenantoj. Neniam ĝis nun okazis Esperanta Kongreso inter tiom da allogaĵoj. Kalifornio mem, kun siaj mondkonataj mirindaĵoj, sufiĉas por venigi ĉiujare multajn milojn da plezurserĉantoj. La klimato estas plej modera kaj agrabla dum la tuta jaro; kaj nun aldone al ĉio ĉi-tio, okazas la plej imponanta universala ekspozicio.

La kotizaĵo de la Kongreso estas 10 Sm. Oni rekomendas aliĝi kiel eble plej frue, por ke la aranĝoj ne estu malhelpataj. Helpkongresaj kartoj kostas 5 Sm., kaj rajtigas ricevi ĉiujn eldonaĵojn de la Kongreso, la oficialan simbolon, la programojn de la kunsidoj, kaj seriojn da kongresaj kaj San Franciskaj markoj kaj poŝtkartoj kun Esperanta teksto.

Pro la granda nombro da kongresoj kaj kunvenoj, kiuj okazos en San Francisko dum 1915, estos necese fari aranĝojn pri loĝado kiel eble plej frue. Oni urĝe konsilas al ĉiu persono, kiu intencas ĉeesti la Kongreson, rezervigi al si loĝejon. Por fari tion, estas nur necese sendi al la suba adreso plenan informon pri la dezirataj ĉambroj kaj la daŭro de restado, kune kun la sumo de 10 Sm. por ĉiu ĉambro, kiel depono. Se la rezervitaj ĉambroj ne estas uzataj je la difinita tempo, la Kongresa Komitato redonos po 8 Sm. Oni ne entreprenas aliajn aranĝojn pri loĝado.

La Komitato aperigis tridekpaĝan Esperantan broŝuron sub la titolo *„La Ekspozicia Fakt-Libro"*, kiu enhavas detalajn informojn pri Kalifornio, la Ekspozicio kaj enlandaj kondiĉoj. Tiu broŝuro estis sendita al ĉiuj Esperantistaj organizaĵoj.

El tiu libreto ni eltiras la jenajn informojn pri vojoj kaj tarifoj:

La kongresano vojaĝanta al San Francisko en 1915 povas elekti inter diversaj vojoj, kiuj prezentas senegalajn okazojn por rigardado kaj studado de vidindaĵoj. Iu el la multaj fervojoj kondukantaj okcidenten estas uzebla. Vaporŝiplinioj ankaŭ funkcios inter la ĉefaj Atlantikaj havenoj kaj San Francisko tra la Panama Kanalo. Mallonge, la kongresanoj povas atingi la ekspozician urbon tra Denver, Ogden kaj Salt Lake City, ĉu rekte, ĉu tra Los Angeles; tra El Paso kaj Los Angeles; tra Abuquerque rekte aŭ ankaŭ tra Los Angeles; aŭ tra Spokane, Seattle, Portland, Vancouver, Victoria aŭ Prince Rupert, — la tri laste nomitaj urboj estas en Brita Kolumbio.

La jenaj rondveturaj prezoj servos kiel montriloj de la malaltaj tarifoj fiksitaj de la fervojaj kaj vaporŝipaj kompanioj por la vojaĝado al San Francisko en 1915:

| | | |
|---|---|---|
| De Denver kaj apudaj lokoj | Dolaroj | 45.— |
| De Omaha, St-Joseph, Atchison, Kansas City kaj ap. lok. | „ | 50.— |
| De St-Louis, Memphis, New Orleans kaj apudaj lokoj | „ | 57.50 |
| De Chicago kaj apudaj lokoj | „ | 52.50 |
| De Cincinnati kaj apudaj lokoj | „ | 71.10 |
| De New York kaj apudaj lokoj | „ | 94.30 |

La sekvantaj veturprezoj estas por unua klaso, sed nur proksimumaj, kaj ili povas esti ŝanĝitaj sen averto. La dua-klasaj tarifoj estas proksimume trionon malpli ol la unua-klasaj.

| | | |
|---|---|---|
| Tokio | Sm. | 600.— |
| Shanghai, Manila, Hongkong, Sydney | „ | 675.— |
| Honolulu | „ | 220.— |
| Bombay | „ | 1125.— |
| Melbourne | „ | 727.— |
| Victoria, Seattle | „ | 75.— |
| Portland | „ | 50.— |
| Salina Cruz | „ | 270.— |
| Valparaiso | „ | 1020.— |
| Montevideo, Buenos Aires | „ | 950.— |
| Rio de Janeiro | „ | 700.— |
| Genova, Marseille, Kopenhago | „ | 600.— |
| Liverpool, Le Havre | „ | 575.— |
| Panama | „ | 307.— |

Ĉiuj fervojaj biletoj valoras por alveturi laŭ ia ajn rekta vojo, kaj oni povas reveturi, ĉu laŭ la sama, ĉu laŭ iu alia rekta vojo. Tiuj biletoj estas aĉeteblaj de 1 marto ĝis 1 decembro 1915 kaj

**valoros por la rondveturo al San Francisko kaj reveno dum 90 tagoj, kalkulante de la stampita venddato sur la bileto. La biletoj ne valoras por reveni post la 15 decembro.**

**Dum la Ekspozicio specialaj ekskursaj tarifoj ekzistas por alveturoj, ŝipe kaj fervoje, de San Francisko al ĉiuj vidindaj partoj de Pacifika Usono. Ankaŭ efektiviĝos ŝipkomunikado je specialaj tarifoj tra la Panama Kanalo, inter San Francisko kaj la ĉefaj havenoj de Atlantiko.** Vojaĝantoj laŭ tiu ĉi vojo povos studi la Kanalon, kies finkonstruon la Panama-Pacifika Internacia Ekspozicio solene festas.

En San Francisko ĉambroj por unu persono kostas de unu dolaro supren. Restoracioj, kiuj servas manĝaĵojn por 50 sd. ĝis 2 Sm. estas multaj kaj bonegaj. Oni povas ricevi bonan francan, hispanan, meksikanan, aŭ italan manĝon je duonspesmilo kaj pli. Ĉambroj kun manĝoj estas haveblaj ĉe unuarangaj hoteloj aŭ ĉe familioj je 24 Sm. semajne kaj pli. Kalkulante 14 Sm. por ĉambro, 14 Sm. por manĝoj kaj 12 Sm. por aliaj elspezoj, kiel, ekzemple, la enirpago al la Ekspoziciejo, semajno en San Francisko kostos 40 Sm., al kiu oni devas aldoni la koston de la fervoja kaj dormvagona biletoj kaj de eblaj aliaj ekskursoj.

La adreso de la Kongreso estas simple: *Esperanto-Kongreso, San Francisko.*

---

# KRONIKO

**Ni petas, ke oni bonvolu sendi ĉiujn komunikaĵojn utilajn por la redaktado de tiu kroniko ĉiumonate antaŭ la 20ª. Ni plezure enpresos ĉiujn informojn pri kursoj, paroladoj, novaj grupoj, festoj, ktp., kaj — tiom kiom ili havas neŭtralan karakteron — komunikojn de la naciaj societoj, kies organo estas momente interrompita.**

## Aŭstrio-Hungario.

*Bozen:* La vivo en la societo estas tre vigla. Festvespero kun loterio estis aranĝita. Okazas kurso kun 10 lernantoj. — *Trieste:* Okazis popola parolado de P-ro D-ro A. Ghez. Kurso de S-ro D. Randi kun 72 lernantoj. — *Villach:* La Esp. Karintia Societo aranĝis bonfaran vesperfeston. S-ro Homer faris la festparoladon pri la nuna signifo de nia afero. Sekvis sukcesa distra parto. — *Wien:* Ĉe multnombre vizitita kunveno de la Instruista Esp. Unuiĝo S-ro P-ro O. Simon raportis pri Esperanto kaj la milito.

## Britujo.

*Burnley:* Dek kursoj en la diversaj partoj de la urbo okazas kun ĉ. 200 lernantoj, el kiuj 140 estis varbitaj post la militkomenco. — *Edinburgh:* Provizoraj aranĝoj estis faritaj de la Esp. Societo por la starigo de somera lernejo de Esp. dum la unua semajno de aŭgusto, kun la helpo de la plej spertaj britaj instruantoj. Por ĉiuj informoj sin turni al S-ro W. M. Page, 127, Bruntsfield Place, Edinburgh. — *Halifax:* Okazis la jara kunveno de la grupo, kiu nun kalkulas 75 membrojn. — *Kettering:* La kvara konferenco de la Midland Esp. Federacio okazis la 24 aprilo; ĉeestis diversgrupaj delegitoj. S-ro Cedric F. White, el Birmingham, paroladis pri la valoro de nia lingvo dum la nuna krizo. Sekvis distra parto. — *London:* Sukcesa vesperfesto estis aranĝita por la fondaĵo por la ambulanco Esperanto N-ro 2. En Clapton S-ro Harrison Hill paroladis pri Esp. kaj frateco. En Tufnell, okazis vesperfesto kun tre sukcesa programo kaj 116 ĉeestantoj. Post Pentekosto oni intencas aranĝi somerajn kursojn en la gravaj L. C. C. Komercaj Institutoj, Dalston kaj Haverstock Hill. — *Warrington:* Okazis la 29ª kvaronjara konferenco de la Federacio de Lancashire kaj Cheshire. La urbestro bonvenigis 90 ĉeestantojn. Li faris tre simpatian paroladon kaj esprimis la deziron lerni la lingvon. La konferenco decidis starigi specialan kason por la estonta propagando, kaj kelkaj ĉeestantoj promesis monhelpi.

## Francujo.

*Beauvais:* S-ro Demarcy faris sukcesplenan paroladon al 300 kripletaj soldatoj. — *La Roche-sur-Yon:* S-ro Duviard gvidas superan kurson. Interkonsente kun UEA la grupo aranĝis servon por serĉado kaj korespondado. — *Paris:* La bulteno Paris-Esperanto reaperis. La Esp. Grupo denove okazigas paroladojn la 1ªⁿ kaj 3ªⁿ dimanĉon ĉiumonate. — *Poitiers:* S-ro Souchay, Del. en Athis-Mons, lastatempe mobilizita, komencis kurson ĉe la kazerno. — *Verdun:* Vigla propagando estis farita inter la garnizono de tiu fortikaĵo; sekve de tio multaj personoj lernas nian lingvon.

## Germanujo.

*Bochum:* La kunvenoj de la grupo denove okazas regule kaj estas kontentige vizitataj. — *Cöthen:* S-ro D-ro Foehr gvidas kurson kun 30 lernantoj. — *Dresden:* La aranĝitaj parolad-vesperoj ĉiun duan vendredon ĝis nun bone sukcesis. En la Esp. Hejmo F-ino Zschepank gvidas novan kurson. — *Göttingen:* Ĉe la kaptitejo aperas gazeto por la tieaj kaptitoj. Ĝi enhavas ankaŭ artikolon en nia lingvo. Laŭ permeso de la kaptitejestro, kurso por militkaptitoj estis komencita. — *Leipzig:* La societo Leibnitz aranĝis novan kurson por komencantoj. S-ro W. Lippmann ĉe la Juda Junularo paroladis antaŭ 65 personoj, el kiuj kelkaj estas varbitaj. — *Magdeburg:* La grupo daŭrigis siajn regulajn kunvenojn. S-ro lazaretinspektoro Rockmann komencis kurson por vunditoj kaj flegistinoj. — *Oldenburg:* La grupo decidis pendigi en ĉiuj lazaretoj afiŝojn pri Esperanto, samtempe donante je ilia dispono varbbroŝurojn. — *Stuttgart:* Kvar kursoj nun estas gvidataj: unu de S-ro Leyrer, dua de S-ro Weinmann, tria de S-ro Vordermayer, kvara (privata) de S-ro Krebs.

## Hispanujo.

*Barcelona:* La 1 majo, en la societo „Paco kaj Amo", oni inaŭguris presartan ekspozicion. Post parolado de S-ro Brunet pri la utilo de la presarto oni ludis kun granda sukceso dialogon: „Ĉiama kantaĵo". Aliaj samideanoj partoprenis en legado de poezioj kaj tradukoj; ĉiuj estis varme aplaŭditaj. — *Falset:* Antaŭ nelonge okazis en tiu ĉi vilaĝo la 1ª Kongreso de la Esp. Tarragon-Provinca Ligo, kiu atingis grandan sukceson. Post akcepto ĉe la urbestraro, okazis solena kunveno en la teatro, sub la prezido de la urbestro. La aŭskultantaro aplaŭdis diversajn interesajn raportojn kaj paroladojn. — *Gerona:* La grupo aranĝis amikan sukcesan festenon por adiaŭi fervoran propagandiston, S-ron kapitanon J. Domenech, okaze de lia translokiĝo al Reus. — *Vendrell:* Ĉe la grupo Frateco komenciĝis kurso por fraŭlinoj. — *Vilanova:* La VIª Kongreso de la Kataluna Esp. Federacio okazos en oktobro; la Organiza Komitato jam komencis la preparojn por tiu grava manifestado.

## Italujo.

*Brescia:* S-ro P-ro Carolfi faris paroladon, sekvitan de kurso en la ĉambrego de la Komunumo; 11 lernantoj superis unuagradan ekzamenon. Oni fondis grupon. — *Cremona:* Kursoj okazas ĉe la Federacio de la Komercistoj kaj Industriistoj (15 lernantoj, P-ro Marchi), ĉe Centro Capra (62 lernantoj, F-ino I. Soldati), ĉe la Virina Komerca Lernejo (40 lernantoj, F-ino A. Sartori). Baldaŭ nova kurso de F-ino I. Betta. La grupo ricevis monhelpon de la Komerca Ĉambro. — *Legnago:* S-ro Saggiori paroladis pri Esp. kaj Ruĝa Kruco, precipe al la nove varbitaj flegistinoj. — *Padova:* S-ro Frigo gvidas kurson ĉe la lernejo de la komercagentoj; pli ol 50 lernantoj. S-ro J. Saggiori gvidas kurson ĉe la Popola Universitato.

## Nederlando.

*Hago:* Okazis la Federacia Kunveno de la Holanda Esp. Societo; ĉeestis delegitoj el ses grupoj. Nova kunveno okazos en Amsterdam la 11 julio. La 2ª festvespero de la Haga Esp. Klubo bonege sukcesis. — *Rotterdam:* La kvina jarfesto de la Tramista Klubo brile sukcesis. Ĉeestis ĉ. 500 personoj; neniam la intereso de la neesperantista publiko estis tiel vigla. La programo, konsistanta el deklamaĵoj, teatraĵoj, kantaĵoj kaj dancado, ĉiujn kontentigis; kelkaj novaj membroj kaj bonfarantoj aliĝis. — Sub la titolo „Ni persistos" fondiĝis Esp. societo por studentoj, gimnazianoj, liceanoj. Ĝi celas

vastigi Esp. ĉe junuloj kaj korespondi kun gesamideanoj. Adreso: A. C. Bakels, Goudsche Singel 139.

### Rusujo.

*Astraĥan:* Nova kurso ĉe la komercaj klasoj. En Eklezia seminario organiziĝis Esp. rondeto. La Esp. Societo preparas manskribitan almanakon, en kiu oni kolektos la verkojn de lokaj Esp.-istoj. — *Irkutsk:* La kunvenoj daŭras akurate ĉiusemajne. S-ro Ŝevĉugov faris raporton ĉe la Instruista Instituto por lernantoj kaj instruistoj en ĉeesto de l' direktoro. — *Moskvo:* Dum la kongreso de instruistoj de geografio kaj natursciencoj, okazinta dum la Paska semajno, Esp. ekspozicio estis aranĝita kaj tre multe altiris la atenton de la kongresanoj kaj gazetkorespondantoj. — *Narva:* Vigla propagando estas farita inter la lokaj laboristoj, precipe anoj de la popolklerigaj societoj, el kiuj jam ĉ. 30 aliĝis al la grupo; ĉiusemajnaj kursoj estis aranĝitaj. — *Petrograda:* Direktoro de lernejo por surdmutuloj oficiale sendis studi nian lingvon ĉe la kursoj 4 instruistojn de la lernejo. — *Riga:* La vesperaj kunvenoj kaj kursoj estas sufiĉe bone kaj regule vizitataj. — *Saratov:* Privata grupo de lokaj Esp-istoj organizas Esp.-informejon por samideanoj vojaĝantaj tra Volga. Ĝi plenumos la taskon de Esp.-oficejoj de UEA kaj celas liveri al la nomitaj samideanoj informojn bezonajn dum la vojaĝado tra Volga kaj precipe vizitado de Saratov kun aliaj volgaj urboj. Tiucele ĝi baldaŭ aperigos, monsubtenate de S-ro Davidov, gvidfoliojn tra kelkaj Volgaj urboj. — *Vilno:* Rimarkinde pligrandiĝis la intereso por nia lingvo; la societejo estas ĉiutage vizitata de interesuloj kaj lernantoj. Ankaŭ en la ĉirkaŭaĵoj disvastiĝas Esperanto en kontentiga maniero. — *Zaporoĵje-Kamenskoje:* Okazis la jara kunveno de la Esp. Societo, kiu nun kalkulas pli ol 100 membroj kaj posedas bibliotekon kun 588 volumoj. Literatura konkurso kun premioj estos aranĝata. Ankaŭ okazos jubilea literature-muzika vespero.

### Svedujo.

*Malmö:* Je la lasta kunveno de la duonjaro de 1915, la Klubo aranĝis feston, kiu havis plenan sukceson. La plej grava parto estis teatraĵo sved-esp., prezentata de tri knabinoj el la plej alta klaso de la popollernejo. La publiko estis tute ravita. — *Norrköping:* La societo aranĝis festeton. La ĉefa punkto estis esperanta teatraĵo, de S-ro Leander Tell pri „Aventuro en Japanujo". Ĝi havis tian sukceson, ke ĝi estis prezentata poste antaŭ granda publiko. — *Stockholm:* S-ro Th. Rosengren faris du sukcesajn publikajn paroladojn pri Praha kaj Bohemujo.

### Usono.

*Cleveland* (Ohio): S-ro Stanley Kozminski gvidas kurson kun 11 lernantoj. — *Erie* (Pa.): La klubo „Nia Espero" vigle propagandas por enmeti nian lingvon en la lernejojn de la urbo. — *New York* (N. Y.): S-ro P-ro H. W. Hetzel, el Philadelphia, paroladis ĉe la Morris-Altlernejo. En la Labor-Temple estis aranĝita Esp. ekspozicio, kiu vekis multe da publika intereso kaj reklamo. Sub la titolo „*Harmonio*" fondiĝis Tutmonda Interkoresponda Klubo per Esp.; ĝi publikigas bultenon. — *Rockford* (Ill.): La „Svenska Tribunen Nyheter", granda sveda gazeto, enpresas lecionojn de Esp. — *Washington* (D. C.): Federacio de la grupoj en ĉi tiu urbo efektiviĝis, kaj nun ekzistas la „Kolumbia Esp. Unuiĝo". Vigla propagando okazas ĉe la Komerca Altlernejo. — *Worcester* (Mass.): S-ro J. C. Pellett paroladis kun lumbildoj pri Esp. kaj la milito.

### Japanujo.

*Formosa:* La grupo akceptis S-ron D-ron K. Nokamura, vicprez. de Japana Esp. Asocio; la bonvenan festenon partoprenis ĉ. 30 personoj. — *Jokohama:* Kurso baldaŭ okazos; jam 15 personoj sin enskribis. — *Jokoska:* S-ro K. Ossaka gvidas kvar kursojn, plejparte vizitatajn de liceanoj kaj laboristoj ĉe militŝipa konstruejo. — *Kotogakko:* Fondiĝis studenta grupo sub la gvidado de S-ro E. Asai.

## TRA LA GAZETARO

.·. „*Esperanto-Raporto*" estas la titolo de monata Esperanta bulteno de Centra Dana Esp. Ligo.

.·. „*Le Monde Espérantiste*" (Paris) reaperis en majo.

.·. La dana gazeto „*Fyns Tidende*" publikigis la tradukon de la ĉefartikolo de „*Esperanto*" N-ro 4: *Kiu eraris?*

.·. La itala gazeto „*Avanti*" publikigis serion de artikoloj de S-ro deputato Morgari pri la internaciaj organizaĵoj, inter kiuj tre favore estas citataj Esp. kaj UEA.

.·. La ĉila gazeto „*La Nacion*" aperigas Esp. kurson.

.·. La revuo „*Les Documents du Progrès*" kaj la gazeto „*Die Menschheit*", ambaŭ organoj de la Ligo por la organizo de l' progreso, aperigis studon de P-ro A. Forel pri la „Unuigitaj Ŝtatoj de la Tero", en kiu Esp. estas favore aludata kaj rekomendata. Tiu studo aperis en formo de broŝuro (eldonoj franca kaj germana).

.·. Kiel kutime multaj notoj aperis en ĉiulandaj gazetoj pri UEA kaj la milito kaj pri la apero de naciaj Esp. dokumentoj rilataj al la milito.

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

**Agado de UEA dum la milito.** — La lastatempa laboro de la C. O., tiel same kiel en la antaŭaj monatoj, koncernis precipe la transsendon de korespondaĵoj kaj la serĉadon de malaperintaj civilpersonoj. Multnombraj servoj estis plenumitaj; kelkaj el ili estis tre gravaj por la interesuloj, kiel pruvas la dankleteroj de ni ricevitaj. La pli granda parto de la uzantoj de niaj servoj estas neesperantistoj, kaj ni scias, ke sufiĉe multaj el ili, antaŭe indiferentaj je nia afero, nun interesiĝas pri ĝi kaj fariĝis tute favoraj.

Pro decido de la rusa poŝtadministracio la letertrafiko inter Aŭstrio-Hungario kaj okupata Galicio estis interrompita, kaj ni bedaŭrinde ne plu povis plenumi tiom da servoj rilate al tiuj regionoj kiom antaŭe. Tiu fakto ankaŭ klarigas, kial la movado de la korespondaĵoj estas iom malpli alta ol en la lastaj monatoj.

Ni ankaŭ ofte havas okazon interrilati kun la Esperantistaj militkaptitoj. Multaj el ili ekpropagandis, kaj ĉe kelkaj kaptitejoj, kiujn ni notis en tiu ĉi gazeto, okazas Esperanto-kurso. Nia C. O. laŭeble plifaciligis tiun utilan agadon, sendante propagandilojn, lernolibrojn kaj legaĵojn por komencantoj. Ni petas niajn membrojn, ke ili bonvolu kunlabori por la kompletigo de niaj listoj de militkaptitoj. Tiuj nomaroj utilas ne sole al ni, sed al aliaj Esperantistaj organizaĵoj kaj al privataj Esperantistoj.

Ĉe la C. O. de UEA laboras nun du sekretarioj, du regulaj memvolaj kunlaborantoj kaj kelkaj helpantoj, kiuj dediĉas al ĝi kelkajn horojn posemajne.

Ni ankaŭ kun ĝojo konstatas, ke interne de UEA la vivo estas pli vigla ol en la unuaj militmonatoj. La plimulto de niaj Delegitoj ne forgesas, ke la ekzisto de nia Asocio dependas ne sole de aprobo, sed de materiaj kondiĉoj: ili do klopodis por kolekti kotizaĵojn kaj kunteni ĉiujn membrojn. En kelkaj urboj de la militantaj landoj la nombro de la personoj pagintaj la kotizaĵon estas tiel alta kiel dum 1914. Kio estas ebla en kelkaj lokoj, tio ankaŭ estus en multaj, se nur niaj reprezentantoj streĉus sian penadon por atingi rezultaton, kiu favoras ne sole nian Asocion, sed la tutan Esperanto-movadon.

**Komitato de UEA.** — Pro troa okupo neebliganta al li okupiĝi pri Esperanto, S-ro J. Schmid, el Bern, eksiĝis

el la Komitato de UEA. Konforme al § 35 de la Statuto, lin anstataŭos S-ro J. Karsch, Del. en Dresden, Vickomitatano, ricevinta la plej altan nombron de voĉoj ĉe la lasta Komitata baloto.

**Kotizaĵoj por 1915.** — Je la 30 aprilo estis enkasigitaj 1687 kotizaĵoj (el kiuj 86 subtenantoj kaj 142 dumvivaj membroj). — *Esperantiaj Entreprenoj*: 82.

**Statistiko de la korespondaĵoj.** — Movado de la korespondaĵoj dum la monato aprilo:

| Ricevitaj | Forsenditaj |
|---|---|
| 3,080 | 4,383 |

*Tuta sumo*: 7,463. (Antaŭa monato: 9,477.)

**Novaj Delegitoj.**

*Bielitz* (Aŭstrio, Schlesien). — D.: Julius Haas, Bahnstrasse 11.
*Haddington* (Anglujo). — D.: Robert Lusk, instruisto, Bolton.
*Leiden* (Nederlando). — D.: Th. Elbers, Prins Hendrikplein 6.
*Sacramento* (Usono, Kal.). — D.: H. B. Weaver, 1110, Eleventh street.
*Trani* (Italujo, Bari). — D.: Giacomo Costantini.
*Vicenza* (Italujo). — D.: P. Fornasetti, Via del Monte.

**Ŝanĝoj.**

Pro mobilizo de la Del. oni sin turnu al:
*Cheltenham* (Angl.). — D.: Phipps Walter, „Marston", Langdon Road.
*Petrozseny* (Hungarujo). — D.: Arpado Bagoczky Mav futohaz.
*Toulouse* (Francujo). — D.: Léon Beaumel, 5, rue des Lois.

**Eksiĝoj.**

*Braga* (D.: Salgueiro); *Chézard* (D.: Thiebaud); *Dmitrov* (D.: Kogan; *Gross-Gerau* (D.: Prestele); *Hailsham* (D.: O'Dell); *Niagara Falls* (D.: Gianfranceschi).

# Voĉoj el batalkampoj

El la batalkampo niaj amikoj ne forgesis Esperanton. Tion pruvas la fakto, ke kiam eble ili profitas la okazon por propagandi nian lingvon ĉe kamaradoj. Sed ili ankaŭ ne forgesas la idealon, kiu gvidis la pli multajn Esperantistojn: internacia toleremo kaj kunlaborado. La teruraj okazantaĵoj ne detruis tiun idealon; ili nur montras ĝian pli premantan necesecon.

Eble interesos niajn legantojn legi fragmentojn de leteroj, kiujn ni lastatempe ricevis el la diversaj militantaj landoj.

Unu el niaj fervoraj Delegitoj, vundita ĉe la batalo kaj kuracata ĉe hospitalo, skribas al ni post ricevo de „*Esperanto*":

„... Kun plej granda plezuro mi legis ĝin. Estas tia bonfaro iam aŭdi homan voĉon, kiu restas prudenta. Nur unu deziron mi havas: ĝin legi plej ofte ..."

Alia ankaŭ el la batalkampo:

„... De ses monatoj nenion mi aŭdis pri Esperanto, kaj vi povas kompreni kun kia ĝojo mi ricevis vian gazeton. Kredu, ke malgraŭ tiuj malfavoraj cirkonstancoj, mi restas fidela Esperantisto. Se mi havos la ŝancon ne morti dum tiu terura milito, vi estos certa trovi min inter la plej sindonaj batalantoj por la resanigo de nia afero ..."

El unu el niaj karaj kunlaborantoj nun en la tranĉeoj:

„... Vi ne povas imagi kiom da plezuro ĝi (nia gazeto) faris al mi. Meze de la ĉi tieaj priokupoj estas vere dolĉe al la koro aŭdi parolon de paco kaj konkordo ... Ni konsciu, ke milito estas kaŭzita de malkomprenoj, maljustaĵoj, ofte ambaŭflankaj kaj ĉefe, ke ĝi estas necesa rezulto de malbona sistemo. Ni kontraŭbatalu la sistemon".

Alia vigla propagandisto dum la paca tempo kaj, kiel aspektas el diversaj faktoj de lia letero, ankaŭ dum la milita tempo:

„... Volu Dio, ke la milito, bone por la jena, malbone por la alia (ĉu por ni, ĉu por la aliaj nacioj) baldaŭ finiĝu, por ke ĉiuj nacioj — nune amikaj aŭ malamikaj — kunhelpu disvastigi gravan movadon, kiu ne estas tuŝata per la diplomatio, konigi ĉien Esperanton ..."

Kvankam el malsamaj landoj la voĉoj ofte samsonas:

„... Ne kredu, ke malgraŭ la milito mi forgesis nian idealon; kontraŭe, mi restas ankoraŭ pli konvinkita je ĝia neceseco ..."

„... La ricevo de „*Esperanto*", meze de la nunaj teruraĵoj, estis por mi vera sunradio. Mi ne bezonas diri, ke miaj ideoj restas tiaj, kiaj ili estis ..."

Unu el niaj samideanoj forironta al la batalkampo skribas:

„... Post malmultaj tagoj mi forlasos hejmon, familion, profesion kaj fariĝos soldato, sed antaŭe estas por mi urĝa bezono de la koro, gratuli el tuta animo pro la artikoloj en „*Esperanto*". Mi ilin aprobas, kunsentos kaj neniam forgesos ..."

Militkaptitoj uzas la okazon por aranĝi viglan propagandon, en la loko, kie ili estas internigitaj. Sed tion ili faras ne sole pro la lingvo, sed pro la ideo. Kelkaj el ili skribas al ni:

„... Ni ne laciĝas en nia laboro, ĉar ni bone komprenas la devon de ĉiu vera Esperantisto. En tiu malfeliĉa tempo ni pli bone sentas la neceson disvastigi interfratigan ilon, kaj ĉu nia lingvo ne estas la plej taŭga rimedo por interfratiĝado? Ni ankaŭ legas, ke en aliaj landoj, inter la militkaptitoj, samaj kursoj estas starigitaj. Tio estas por ni stimulilo. De malproksime ni prezentas la manon al niaj fratoj, kaj deziras al ili bonan kuraĝon kaj la saman fervorecon de iliaj lernantoj kiel de la niaj ... Ke la milito baldaŭ finiĝu kaj ke la malamo inter la popoloj malaperu; eble post kelka tempo la suno de la libereco brilos, kaj eble ankaŭ la verda stelo sendos amikigajn radiojn sur la homaron."

Voĉoj el diverslandaj batalantoj, ni aŭdas vin!

Ni scias, ke pli speciale vin frapis la militmonstro en la koro, ĉar viaj spiritoj pere de la Esperanto-flugiloj jam lernis superstari la naciajn landolimojn, sed ni ankaŭ scias, ke fortaj animoj ne lasas sin disbati de la krudaj fatalaĵoj. Ne vi eraris, kiuj laboris por pli bona estonteco, gvidate de alta idealo, sed la granda amaso de la indiferentuloj kaj rutinuloj, por kies spirito ia ideala celado estas tro peza ŝarĝo. La sorto nun devigas vin momente resti malkune, sed vi estas ankoraŭ kaj restos *samideanoj*.

# Alvokoj

## Mia reiro al Esperanto

En decembro 1908 (mi tiam estis la prezidanto de la *Pennsylvania Esperanto Association*, ankaŭ la prezidanto de la *Philadelphia Esperanto Society*) mi lasis la Esperantan movadon, fariĝis Idisto kaj forte batalis por reformoj. Ŝajnis al mi, ke la Akademio arbitre rifuzas atenti la fortajn demandojn pri la (laŭ mi) necesaj reformoj; kaj mi opiniis, ke la sola metodo por atingi tiajn reformojn estas per *Ido*.

Mia motivo estis tute sincera. Mi tute ne deziris detrui, ne deziris malhelpi, nur deziris progresigi la ĝeneralan movadon; ĉar mi forte opiniis, ke *Ido* estas nur *Esperanto* simpligita. Mi opiniis, ke la movado estas, plejparte, ia specimeno de „amuzaĵo", kaj ke la ĝusta tempo fari plibonigojn estas antaŭ ol la movado fariĝus serioza, prefere ol poste.

En la komenco mi malŝatis la (laŭ mi) meĥanikajn neperfektaĵojn, la literojn supersignitajn, kiuj ŝajnis malhelpi la propagandon, speciale per la gazetaro (la amerikanoj, simile al la angloj, ne tute

estimas la supersignojn eĉ en la aliaj naciaj lingvoj). Aliaj laŭdiraj neperfektajoj, la finaloj -aj, -oj, -uj, alvenis al mi pro mia antaŭjuĝo. Kaj, se mi tiam ne tute ŝatis la Esperantan vortformadon, tio ne estas pro mia lingvistika scio, ĉar mi estas nek lingvisto, nek gramatikisto. Alivorte, mi akceptis la Idan vortformadon, ĉar ĝi ŝajnis al mi forigi multajn (mi ripetas „laŭ mi") Esperantan neperfektaĵojn; ŝajnis montri logikan sistemon, dum Esperanto aperis kvazaŭ ĝi ne havas — almenaŭ, ne ekspluatus — ian sistemon. Alivorte, mi tiam ne tute komprenis la Esperantan vortformadon. Tamen, rilate al ĉi tiu lasta, mi ricevis en aŭgusto 1914, pro la boneco de S-ro Saussure, ekzempleron de „La Vort-Teorio en Esperanto", kiu forigis miajn malfacilaĵojn.

Sed, kio okazis?

Kelkfoje kiam mi revenis provizore al Esperanto, mi trovis, je mia miro, ke mi povis legi kaj skribi multe pli facile, ol per Ido. Kial? Estas pro la diferenco inter la teoria kaj la praktika metodo! Estas la diferenco inter la sistemo tro rigida kaj la sistemo elasta! Mi trovis, ke ĉiu reformemulo havas sian propran ideon pri la plibonigoj; ke, se la Akademio akceptis iajn reformproponojn, tio multe plaĉis al la proponantoj; sed, se la Akademio decidis kontraŭ la proponantoj, ili tuj ekkoleriĝis kaj laŭte sciigis la nekompetentecon de la Akademio, kaj ili aŭ aliĝis sin al alia movado, aŭ ekspluatis siajn proprajn lingvojn.

Unu fojon mi laboris por Volapük, poste mi laboradis por Esperanto, kaj dum sep jaroj mi laboradis por Ido. Nun, kion ni havas? Ni vidu! El la reformaj interdisputoj naskiĝis: *Reform neutral, Adjuvilo, Interlingua, Romanal, Europal, Perfectlinguo, Simplinguo, Omnez, Lingvo kosmopolita, Veltlang, Nepo, Homapar,* ktp.

Dume, nenio estis atingebla!

Miajn okulojn mi komencis malfermi al mi!

Post longa, zorga konsidero mi atingis la decidon, reveni al *Esperanto* kaj denove stari sub la verda standardo, fariĝi konservemulo.

Same kiel, je la komenco de la nuna militego, la samlandanoj forgesis siajn interdisputojn kaj unuigis sin por defendi la patrujon, tiel ni, reformemuloj, Idistoj, ĉesigu niajn interdisputojn kaj laboru konservi la vivon de la lingvo *Esperanto*, kiu, neneigeble, estas la sola vivanta lingvo internacia; la reformojn ni lasu al la lingvistoj, la gramatikistoj, la logikistoj!

De nun mi akceptas la Esperantan lingvon, tia kia ĝi estas, kaj mi forte laboros por la Esperanta propagando!

Kiam la nuna militego ĉesos, tio estos la plej oportuna tempo por montri al la tuta mondo, ke por la lingvo internacia, *Esperanto*, estas la plej bona vojo al vera, ĉiamdaŭra paco. Venu! Laboru!

*Ward Nichols*
1306, Fitzwater Street, *Philadelphia* (Penna.).

# Niaj Mortintoj

La jenaj samideanoj mortis sur la batalkampo. Al iliaj familioj ni sendas la esprimon de niaj respektplenaj kondolencoj.

**Ludwig Ĉeszyk,** el Posen.
**Arno Gallandt,** el Berlin.
**Alexander Greeven,** kasisto de la Esp. grupo en Dortmund.
**D-ro S. Kogan,** Del. en Dmitrov., kunlaboranto de „La Ondo de Esperanto" kaj fervora propagandisto de Esperanto ĉe nekleruloj. D-ro S. Kogan infektiĝis je tifo, kuracante tifajn militistojn en Galicio.
**Otto Pick,** el Breslau, membro N-ro 9016.
**Adolf Steinhagen,** el Hagen i. W.
**Roggatz,** el Hannover.
**Willy Schmitt,** el Kronach i. Oberfranken.
**Leopold Wagner von Wagnersheim,** el Villach.

# Esperantistaj militkaptitoj

*Sesa listo*

*Bánoczi, André,* Del. en Nagykörös, militkaptito el la garnizono de Przemysl. Kaptitejo nekonata.
*Giroux, René,* el Chartres, 2a Reg., 3a Komp., Zossen.
*Delaunay, Albert,* el Amiens, Lager II, Block 2, 1a Bat., 4a Komp., Minden i. W.
*Koutník, Rudolf,* el Wien, kaptitejo Ufa.
*Lemière, Joseph,* el Caen, 4a Reg., 2a Komp., Zossen.
*Marton, Henri,* el Conholens, 1a Reg., 4a Komp., Zossen.
*Peczeli, Ant.,* el Przemysl. Kaptitejo nekonata.
*Raulier, D.,* Belga komandanto en Halle a. S.
*Sochanski, V.,* el Linz, Tiumen (Tobolsk gub., Siberio).
*Taubmann,* antaŭa redaktoro de „La Marto", kaptitejo en Ĉiat (Siberio).
*Tiefil, St.,* el Wien, 24 B. svochn. vocn. hospital, Kostroma.
*Varga, S.,* el Przemysl. Kaptitejo nekonata.

* * *

S-ro *André-Raoul Chaigné,* filo de nia samideano, el St-André de Culzac, apud Bordeaux, 344a Reg. Inf., 19a komp., N-ro 245-O 18,009, malaperis la 20 aŭgusto, ĉe Lorraine (Faxe-Fonteny).

S-ro *Alois Kušička,* el Plžen (Bohemujo), 7a Landwehr Inf. Reg., 3a komp., malaperis la 15 septembro en Serbujo.

S-ro *Josef Mates,* el Neuhütten (Bohemujo), Feldwebel, Landsturm Reg. 7, 6a komp. malaperis dum decembro en Haliĉ (Galicio).

S-ro *Fritz Ollhaber,* el Stettin, 49a Inf. Reg., 11a komp., malaperis la 2 novembro ĉe Soissons.

S-ro *Stanislas Slavik,* el Kolin (Bohemujo), kaporalo, Landsturm Reg. 7, 3a komp., malaperis dum decembro apud Lodz.

Ĉiujn ajn informojn pri tiuj malaperintoj oni bonvolu komuniki al la C. O. de UEA.

* * *

Ni petas, ke oni bonvolu kompletigi tiujn listojn, sendante al ni la nomon kaj adreson de la militkaptitaj Esperantistoj, kies adreso estas konata.


# REKLAMO

## KORESPONDADO

L = *letero*. PK = *poŝtkarto*. PI = *poŝtkartoj ilustritaj*.
PM = *poŝtmarkoj*. bfl. = *bildflanko*.

BUDAPEST (Hungarujo). — La membroj de la grupo „Viribus Unitis", Lónyay u. 40. I. 16/a. IX., PI, PM.

CHICAGO (Usono, Ill.). — S-ro Francisko Kovariks, 2502 So Kedzie, Ave., PI (reproduktaĵoj de pentraĵoj, skulptaĵoj, ktp.), PM.

ESSLINGEN A. N. (Germanujo). — S-ro F. Doerner, Berkheimerstr. 18/II., L, PI (kun ĉiulandanoj, precipe pri antikvaj konstruaĵoj).

HARDERWIJK (Nederlando). — S-ro Auguste Turc, suboficiro, PM (de britaj kaj francaj posedaĵoj).

LAVAL (Francujo, Rhone). — S-ro Charles Despeyroux, Saint-Genis, PM (kun komencaj kolektistoj de la nemilitantaj landoj).

MOSKVO (Rusujo). — S-ro V. A. Suĥobokov, Pjatnickaja 28, L, PI, PM.

MOSKVO (Rusujo). — S-ro V. A. Gromov, 2 Kazaĉij per. 11, kv. 23, L, PI.

LA VARENNE ST-HILAIRE (Francujo, Seine). — S-ro Louis Prévost, 73, Boulevard de Champigny, PI, PK, PM (kun ĉiuj landoj).

## Sciencaj verkoj

**Eldonistoj!** Antaŭ ol presigi sciencajn verkojn (disertaciojn, katalogojn, lernolibrojn, vortaron, enciklopediojn, revuojn, ktp.) en la lingvo eŭropa aŭ orienta (araba, turka, persa, malaja, javana, ĥina, japana, ktp.), aŭ klasika (latina, greka, hebrea, sanskrita, siria, kopta, armena, ktp.), petu provojn kaj prezojn al la fame konata *Orienta Presejo,* Oude Rijn 33, *Leiden* (Nederlando).


PRESEJO BÜCHLER & KO., BERNO